# JUNA ESPERANTISTO

INTERNACIA MONATA — JUNULARA REVUO.

OFICIALA ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTO-JUNULARA ASOCIO.

Jaro I. Januaro-Februaro 1933. Nr. 1.

REDAKCIO-ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LELEWELA 9 m. 2. (POLLANDO).

| Abonprezo eksterlande: Jare . . . . 2.50 sv. fr. | ĈEFREDAKTORO: EMIL MAYER. | Abonprezo en Polujo: Jare . . . . 4 zł. |
|---|---|---|




**Mukden — Manĝurio:** Mukden estis antaŭe la ĉefurbo de l' Ĉina imperiestraro, ĝis kiam ĉefsidejo estis translokigita en la j. 1664 al Pekino. Manĝuria dinastio rezidis en Ĉinlando dum 268 jaroj, ĝis ekekzisto de respubliko en la j. 1912.

## SIGNIFO DE JUNULARO EN LA ESPERANTA MOVADO.

En ĉiu sfero de la vivo, la mondo dependas de junularo por efika daŭrigado de bonstato homara. Se junuloj ĉesus akiri scion kaj sperton en aferoj de la mondo, kaj ĉion lasus al maljunuloj, ili mem en la fino, post morto de la maljunuloj, nur malprogresus, kaj devus denove barakti en marĉo de malnovaj problemoj jam entaŭe solvitaj aŭ solvataj. Tio estas elstare vera rilate la Esperantan movadon, kies fina sukceso dependas je sinsekvo de laborantoj, jaron post jaro, ĝis venos efektiva venko. Do, al gejunuloj ni pliaĝuloj forte alvokas, helpi nin porti la torĉon de homa progreso kaj garantii, ke kiam ni ne plu povos partopreni la belan taskon, aliaj ĝin plenumos kaj sukcesigos.

Do, la junularo esperantista memoru, ke al ĝi apartenas tiu inspira laboro — la fina sukcesigo de Esperanto kaj la internacia interkomprenigo, kiun ĝi promesas al la mondo. Ĉiu juna samideano aŭ samideanino varbu, laŭeble, siajn kamaradojn al la afero; kaj tenu en menso la ideon, ne nur por ke tuja kaj nuna plezuro kaj profito li aŭ ŝi klopodas, sed ke ankaŭ de tiu klopodado dependas la sorto de la lingvo. Eĉ pli ol aliaj gejunuloj, al skoltoj kaj skoltinoj taŭgas la tasko; ĉar ili laŭprincipe celas al tutmonda frateco kaj efektiva amikiĝado internacia. Sen komuna lingvo eĉ la grandaj jamboreoj mem ne povas plene sukcesi; kaj en ordinara vivo, sen tia lingvo okazoj por pli ol »surpapera» amikeco ja estas maloftaj! Do, junuloj ĉiulandaj, restu fidelaj, al la granda afero, — kaj varbu, varbu, varbu!

*Bernard Long.*

(Prezidinto de la XXII U. K. de Esperanto en Oxford.)

## REVIVIĜO.

De multaj flankoj. amikoj skribis al ni sian ĉagrenon pri la malapero de nia junulara organo kaj diris al ni, kia grava perdo estus por nia esp. junulara movado la ĉesiĝo de nia revuo.

Certe la malapero de „Juna Samideano" estis vera katastrofo. Ni tute konsentas.

Tial ni decidis revivigi nian junularan organon sur novaj bazoj kun pli forta fervoro, sub nova titolo nome „Juna Esperantisto", esperante la sindoneman helpon de ĉiuj niaj amikoj ; ankaŭ de ĉiuj esperantistoj ĉar nia organo estas la plej efika propagandilo por Esperanto en junularaj rondoj.

Se vi ne abonas gazeton vi ne povas nomiĝi aktiva esperantisto, ankaŭ vi ne deziru, ke ni sendu al vi ĝin senpage. Sciu ke ni bezonas multe da mono por ke ni povu aperadi regule. Via devo — ekaboni tuj la gazeton, instigi aliajn fari same, tiam vi ne estos libervaganda esperantisto, perdita por nia sankta afero, havante ligilon vi estas informata pri ĉiuj okazintaĵoj en la esp-movado, tiam vi estas aktiva kaj eĉ loĝanta en diversa kaj plej malproksima parto de la mondo, vi sentos vin kiel en anaro inter viaj gesamideanoj ĉar per legado de sama gazeto vi estos pensligita kun ĉiuj samlegantoj.

Tiucele ni konsentos sendi samtempe mendintajn ekzemplerojn de »Juna Esperantisto» po favoraj prezoj jen :

5 jarabonoj kontraŭ pago 11.25 sv. fr. (18.50 zł.)
10 „ „ „ 20 sv. fr. (30.— zł.)

Nia organo estas certe bela, riĉilustrita alloga revuno. Ni do esperas, ke estos facile varbi abonantojn inter junularo des pli, ke abonkotizo estas malmultekosta, do estas abonebla eĉ de la plej malriĉaj. Tial niaj amikoj devas senĉese varbi, varbadi, por ke baldaŭ ni povu eliri pli amplekse.

La organo estas espereble tre interesa. Tio ankaŭ dependas de niaj amikoj, kiuj devas sendi informojn pri ĉio interesa en ilia lando de la junulara vidpunkto.

Do kuraĝe al la varbado!

La rimedoj por revivigi nian karan organon ne mankas : uzu ilin aŭ almenaŭ iun.

Redakcio.

---

## HELPA PRES-KAPITALO.

Por akceli firme la eldonadon de nia gazeto, ni fondis help-kapitalon. Bonvolu do per libervolaj kotizoj apogi nian laboron. Eĉ plej malgrandan mon-sumon ni akceptas dankeme. Nomojn de la donacintoj ni publikigos en J. E.

Redakcio-Administracio.

Imitinda ekzemplo : Nian preskapitalon subvencis ;

| | |
|---|---|
| S-ro Sennomulo (Kraków) | 30. — zł. |
| S-ro B. Tarnawski (Brzeźnica) | 5. — „ |
| Pastro J. Kuczyński (Łuck) | 5. — „ |
| S-ro St. Bajszczak (Inowrocław) | 50 „ |

**Koran bondeziron okaze de la**
**NOVA JARO!**

## IDEO DE LA FRATECO.
(semata inter infanoj.)

Dum la delegitoj de la Ligoj de la Nacioj traktas en la Ĝenevo pri senarmiĝo de la mondo elparolante belsonantajn projektojn tematajn pri forigo por ĉiam la barbaraj kaj sangaj interkalkuloj de la nacioj, en la malproksima Oriento tondras pafilegoj kaj fluas sango per la torentoj.

Igas tre klara la fakto, ke al la enkorpiĝo en la vivon la ideon de paciĝo oni devas iri tra tute aliaj vojoj, kaj ideon de la frateco oni devas inokulo en la homan sangon de la plej junaj jaroj, disvastigi ĝin inter infanoj.

En Parizo certa grupo de la homoj kun bona volo trovis belan penson, kiu lasttempe kreis t. m. »Aliance de bon acceuil». — Societon de bona akcepto — societon de gastamo.

La societo je kies frunto staras sinjoro Hubert Dêlestree, ĉefo de la kabineto de kleriga ministerio decidis interligi ĉiaman kontakton kun ĉiuj malgrandaj fremduloj, kiujn la sorto alkondukis Francujon kaj kiuj konstante tie loĝas.

Ĉiumonate okazos infanaj kunvenoj, havantaj la celoj de reciproka proksimiĝo kaj ekkono inter la malgrandaj diverslandanoj.

Unua tia kunveno havis lokon pasintan jaron en „Hotel Royal-Conde".

Partoprenis en ĝi cirkaŭ 4.000 malgrandaj fremduloj, loĝantaj konstante en la Parizo.

Larĝa salono prezentis multkoloran belan vidaĵon ĉar multaj infanoj estis vestitaj nacie, aliaj infanoj alpinglis al siaj vestaĵetoj rubandojn kun la koloroj de la naciaj standardoj.

Malgrandaj Francoj, kiuj ludis la rolon de mastroj, amuzis siajn gastojn, kaj en la estonteco kiam la unuaj glacioj estos trarompitaj, ĉiu el la malgrandaj francoj devas poste preni magrandan fremdulon sub sian specialan zorgon, zorgante ke ili ne sentu sin tro fremde troviĝante malproksime de sia patrujo.

La profito estos duobla : Malgrandaj fremduloj ekkonos ne nur Fracujon sed ankaŭ ĝiajn loĝantojn kaj francoj alproksimiĝante al la fremduloj povos ekkoni pli proksime la kulturon kaj morojn de la popoloj el diversaj landoj kaj, se iam la sorto ĵetos ilin fremdlanden, ili trovos tie amindajn amikojn — amikojn el la infanaj jaroj.

Artistoj el la plej grandaj parizaj teatroj komprenante grandiozecon de ĉi tiu soleno kaj dezirante plibeligi kaj pliagrabligi la akcepton de la junaj fremduloj, gastantaj sub franca ĉielo, amuzis ilin bonege per sia programo kiun la infanaro etuziasme aplaŭdis.

La agado estas disvastigota en la aliaj urbo en Dijon, Bordeax, Strausburg kaj Lille oni jam fondis specialan komitaton de la »Societo de la bona akcepto«.

La ago estas imitinda precipe en la centroj, en kiuj troviĝas pli granda kvanto da eksterlandanoj.

Estas tre dezirinde ke la gravaj esperantaj organizaĵoj en la Parizo ekokupiĝu pri la afero. Cu ne estus bone se la komitatanoj de societo »De bona akcepto» ekkonu pli proksime la internan ideon de la esperantismo ?

Ĉu la amikeco inter la menciitaj malgranduloj ne estus pli profunda, se oni ĝin ligus sur la bazo tute neŭtrala, ne nacia ?

La afero estas tre grava kaj enkonduko de Esperanto en la societon de »Bona akcepto» estus grandioza gajno por nia paca laboro.

# Tutmonda Esperanto-Junulara Asocio

**Prezidanto: D-ro William Perrenoud.**

**Centra Oficejo: Rudolf Kutzli, Scheibenackerstr. 6, St. Galien**

**SVISLANDO.**

## LA IDEALO DE TEJA.

Vi, membroj kaj amikoj de Teja. deziras scii precize, kion nia asocio celas.

Mi komprenas vin. Vi volas havi ne sekan teorion, sed respondon klaran, kiu kontentigu vian atendon. Bone! Direktu do vian firman atenton al la afero. Mi estas certa, ke vi komprenos.

S-ro TH. Kutzli, Direktoro de Teja. kaj mi, ĝia Prezidanto, havas unu saman ideon. Mi gvidas la asocion spirite, dum li tre sindone faras la grandan laboron de administrado. Estu al li dankemaj pro lia penado!

Nia komuna ideo estas: *montri al la junularo la grandecon de l'esperantista idealo.* Ĉar grandaj faroj plaĉas al junuloj, kaj de l'junuloj dependas la sorto de Esperanto.

Jes, Esperanto bezonas vin, kaj vi ankaŭ, volante fariĝi veraj homoj, nepre bezonas Esperanton.

Kial do ni ne ligu vian idealon kun la nia?

Rigardu bone: Ĉu ne atendas vin en la mondo unu granda tasko? Nome: *labori por vastanima, ĉiuhoma kulturo, prenanta la tutan mondon por sia bazo: ebligi pli da justeco inter homoj; respekti en ĉiu homo la animom, kiu donas indecon al la vivo.*

Ĝuste tionTeja rigardas kiel sian taskon.

Kiel nia asocio tion efektivigos? – Per obstina, honesta klopodado; per reciproka sinhelpado de siaj membroj; per personaj iniciatoj; fervore, ĝoj-kore, farante sian tutan eblon.

La rimedoj? — Bonorda, plej simpla administrado; aparta rubriko en la simpatia gazeto »Juna Esperantisto«. Ni antaŭvidas ankaŭ servon de korespondado kaj eble eldonadon de kelkaj broŝuroj Cetere, ni kredas je l'sentenco; »Kie estas *volo* tie troviĝas *vojo*«.

Ricevu ĉiu el vi mian koran manpremon.

Dro Willian Perrenoud
Cernier / Svisujo.

Konservu zorge tiun ĉi numeron kaj komuniku ĝian enhavon al viaj amikoj. Dankon. (Red.)

## TEJA. HAVAS NOVAN KOMITATON!

En aŭtuno de la lasta jaro la ĝisnuna komitato de TEJA. disvolviĝis. Dum kelkaj jaroj ĝi gvidis nian asocion, fidele al niaj idealoj konsciante la gravecon de nia afero. Kiel preskaŭ ĉio, nia asocio suferis pro la krizo universala. Ĝi neniam estis tre riĉa kaj devis ekzisti dum la lastaj jaroj sen oficiala organo aŭ ia interligilo. Kompreneble, ke la asosio perdis multajn membrojn. Krom tio la administra aparato ne plu bone funkciis — malkorektaĵo en la organizo. La komitato certe kaj sendube konsistis el bonaj kaj fervoraj esperantistoj, sed ili ne loĝis en la sama loko aŭ lando kaj tial ne kontentige povis kunlabori. Sekve la komitato disvolviĝis ja komisiis laĉefdelegiton de TEJA. por-Svislando, S-ron Rudolf Kutzli en St. Gallen, por ĝisfunda reorganizo de la asocio Ni nun havas novan oficialan organon, kiu certe treege plaĉos al ĉiuj membroj. En plej proksima tempo TEJA. havos novan statuton kaj ĝi estas nun en la esperiga stato.

La svisa ĉefdelegito nia starigis novan komitaton, konsistantan el la certaj kaj spertaj esperantistoj, nome:

S-ro Dro. Willam Perrenoud, Cernier, Svislando, Prezidanto.

S-ro Theo Kutzli, St. Gallen, Svisl., Direktoro.

S-ro G. Falkner, St Gallen, Svisl.

S-ro Rudolf Kutzli, St. Fiden - St. Gallen, Svisl.

La nova komitato de TEJA, unue esprimas koran dankon al la ĝisnuna komitato de TEJA. por la granda kaj bona laboro farita. Speciale la ĝisnuna prezidanto de TEJA. S-ro A. Csáder en Bratislava, kaj la ĝisnuna ĝen. sekretario, S-ro A. Neuppert en Leipzig, meritas la estimoplenan dankon de la tuta membraro.

La laboro estas komencata sur tute nova bazo. Ĝi certe estos tre granda kaj ne ĉiam facila kaj agrabla. Por ke la alta celo estu atingota, ni nepre bezonas la kunhelpon de ĉiuj! Ni speciale alvokas nian ŝatatan delegitaron, rekomenci per novaj fortoj la celkonscian vorbadon por nia afero.

Se ni ĉiuj unuece marŝos, la sukceso estas certa Ni do koncentrigu ĉiujn fortojn por efektivigi la altan idealon de komuna mondlingvo por ĉiuj popoloj kaj por ebligi ĝian praktikan uzadon. R. K.

## SCIIGOJ DE LA CENTRA OFICEJO.

Al S-ro Ministro H. Seivers en Braunschweig ni esprimas nian koran dankon por la sendita sumo de guk. 25.— kiel simpatiesprimo al nia asocio!

F r a n c u j o: Nova ĉefdelegito: M. A. Boderau, 212, Bould, J J. Rousseau, Le Mans, Sarthe.

N e u i l l y s u r S e i n e: loka del.: Pierre Bertrand, 61 Avenue de Neuilly, (Seine).

S o v e t u n i o: Ĉefdelegito: Petro Syrĵanenko, Valki, Harkovska oblast, Ukrainio, U. S. S. P.

P o l u j o: Równe-Woł.: distrikt-del. por Wołyń: Mordko Icekzon, Równe-Woł., ul. Jagiellońska 39.

N e d e r l a n d o: Rotterdam, loka del.: A. C. v. Jugen, instruisto, Craandykstr. 3E, Rotterdam-West.

B e l g u j o: Brugge: loka del.: Roger Meersseman stud., Gapaardstraat 22, Brugge.

S v i s l a n d o: St. Gallen: loka del.: Otto Dornbierer Güetlistr. 4, St. G a l l e n 0.

Al ĉiuj d e m a n d o j al la Centra Oficejo aŭ al delegitoj bonvolu kunmeti respondpagilon!

## AL LA ESTIMATA ĈEFDELEGITARO.

Bonvolu ture regule sendi al la Centra Oficejo viajn raportojn je la fino de ĉiu kvaronjaro kaj ankaŭ sendi la adresojn kaj 90 procentojn de la kotizoj de la novaj membroj.

Ne forgesu pagi vian kotizon por 1933!

La jarkotizo de T e j a estas;

| | | |
|---|---|---|
| Por subtenantoj | sv. fr. | 10 – |
| por membro-abonantoj | „ | 3.50 |
| por membroj | sv. fr. | 1.50 |

# TRA ESPERANTUJO.

## 25 Universala Kongreso de Esperanto en Köln

29 julio — 5 aŭgusto 1933.

La adreso de Loka Kongresa Komitato estas: 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Trajanstrasse 25, Köln, Germanujo.

Jam 150 aliĝoj el 18 landoj. Pli ol 300 anoncis sian partoprenon.

### ESPERANTO ĈE LA PUBLIKAJ LERNEJOJ EN BRAZILO

Dum la pasinta jaro funkciis kursoj de Esp. en la publikaj lernejoj »Barbara Altoni« kaj »Rodrignes Alves« direktitaj, respektive, de d-ro E. Backenheuser kaj inĝ. A. Conto Fernandes La unua kurso estis speciale por instruistoj kaj aliaj por gelernantoj.

La estraro de Brasila Ligo Esperantista vizitis la novan direktoron de la Publika Instruado, d-ron Anisio Teixeira, kiu promesis helpi la propagandon de Esp. permesante kursojn en la normala kaj en aliaj lernejoj.

### ITALA ESPERANTO-FRAZARO POR VOJAĜANTOJ.

La faŝista Fervoja Poŝtlaboro de Torino eldonis kvarpaĝan kartonan broŝureton kies enhavo konsistas el praktika bone ordigita »Frazaro por la Vojaĝanto«. La libreto estas senpage havebla ĉe: Dopolavoro Ferroviaro, Via Lacchi, 25 bis, Torino Italujo.

## Ligo de Nacioj uzas Esperanton.

Malmultaj pensas pri tio, ke inter la organizoj uzantaj esperanton troviĝas la Internacia Labor-Oficejo (Ligo de Nacioj), Ĝenevo. Informojn ĉiuspecajn pri laborkondiĉoj oni povas bonuzi skribante en Esperanto.

## Lingvo-Babelo en la mez-lernejoj.

El Bucuresti oni raportas: Laŭ plej nova instruad-programo lernas gimnazianoj la sekvantajn lingvojn: en la 7. kaj 8. klasoj la grekan, ekde la 3. klaso la latinan, de la 4. la francan, la germanan de la 5. kaj la anglan en la lasta (8) klaso. Krom tio estas ankaŭ unu slava lingvo deviga instruobjekto kaj laŭ la geografia situacio de la lernejo povas elekti la direktoro inter la ĉeha, serba, pola kaj bulgara lingvoj.

## Pola Radio favoras Esperanton.

Jen ĉefa kampo, kie Esperanto trovas sian lokon. — Pola Radio — jam pliofte donas prelegojn en esp. lingvo. Prefere el radio-stacioj (Varsovio, Krakovo). Ni esperu, ke ankaŭ aliaj urboj sekvos. Vi tamen ĉiuj helpu al ni sendante al „Polskie Radjo« poŝtkartojn kun gratuloj!

## Propagandas Esperanton.

S-ro Kola Ajayi, nigrulo el urbo Lagos (Liberio, okcidenta Afriko) ĉirkaŭvojaĝas polajn urbojn kun tre interesaj prelegoj en la esperanta linvo je temo: »Vivo de la nigruloj en Afriko, Ameriko kaj pri nigrula muziko«.

## La Asocio de Nederlandaj instruistoj por Esperanto.

La plej grava instruista organizo ĉe elementaj lernejoj kongresis en la fino de pasinta jaro. La kongreso akceptis proponon akceli, ke Esperanto estu akceptata en la instrulego kiel nedeviga fako por la sepa klaso de la elementaj lernejoj. Same la kongreso akceptis proponon, laŭ kiu la kongreso petis la instruministron oficialigi la esperantajn ekzamenojn.

H. W. A.

---

En Kolding (Danujo). La policistoj scias Esperanton kaj havas permeson porti la verdan stelon sur la uniformo.

* * *

— Oni diras, ke nune prepariĝas, ĉe Hollywood, filmo en Esperanto, en kiu la bela aktorino Marion Marsh ludas la ĉefan virinan rolon. Ŝi lernis Esperanton en kelkaj monatoj.

* * *

— En Ateno. D-ro Stamadiadis gvidis kurson en la oficiala lernejo de P. T. T laŭ decido de la ĝenerala direkcio

* * *

— La ĉeĥoslovaka ministerio de P.T.T. permesis uzadon de Esperanto por la amatoraj radiosendoj.

* * *

*Stockholm* (Svedujo). Lokan esp. kunvenon vizitis la mondfama blinda pianisto Imre Ungar el Budapest, bona esperantisto, kiu antaŭ kelka tempo gajnis la premion de la Chopinkonkurso en Varsovio (Pollando). Dum lia vojaĝo li koncertis sukcesplene en Lantvujo, Litovujo, Estonio, Anglujo, Nederlando, Hungarujo, Danio kaj Svedujo — senĉesa ĉeno de la sukcesoj. Kaj nenie li forgesis pri la esperantistoj.

* * *

*Debrecen*. Hungarujo. S-ro Kardos — prezidanto de l'komerca Asocio promesis enkonduki la instruadon de la lingvo Esperanto en la Komercista Akademio.

---

## ESPERO AL PLI BONA TEMPO.

En la mondon venis granda krizo
Tra la mondo iras maldungado
La mond ŝanĝiĝas malparadizo
Kaŭze de la salajro tranĉado.
Nia mono malaperas ien.
Poŝon malplenan lasante vian
Ĉiu kombiojn protestas ĉien
Ne pagante unu la alian
Por ŝangi la danĝeran aferon
Tuj kontraŭstaru ĉiu vivanto
Unisone ekkantu »Esperon«
Kaj propagandu la »Esperanton«.

Hebdowski.

---

NE PROKRASTU ĜIS MORGAŬ KION VI POVAS FARI HODIAŬ:
SENDU ABONKOTIZON POR „JUNA ESPERANTISTO“

# El la junulara vivo.

LA UNUA ESPERANTISTA GRUPO JUNULARA EN RUMUNUJO.

Antaŭ kelka tempo oni fondis la Esperanto-Grupon de la Protestanta—Kalvinana Junulara Asocio en Timiŝoara (Banato), kies celo estas: disvastigi Esperanton ĝenerale la gejunularo, sed precipe inter la Kristana gejunularo, kaj uzi Esperanton kiel interkomprenilon inter la diversnaciaj kristanaj organizoj, asocioj, komunumoj kaj individuoj. La grupo jam en la pasinta jaro komencis gvidi Esperanto kurson en sia monata revuo protestanta, en »Ifjú Erdĉly», kiu bone progresas kaj efike propagandas por nia lingvo kaj ideo. La revuo krome en sia ĝenerala parto (en la literatura) enhavis jam kelkajn bonajn propagandajn artikolojn per Esperanto kaj en alia parto ankaŭ pri Esperanto. Tiu ĉi revuo estas la unua agadkampo de la nova grupo. La diligenta klopodado de la grupo ankaŭ en la societejo ne estas senefika. Ĝi aranĝis jam kelkajn prelegojn pri Esperanto kaj prezentis sian unuan Esperantan propagando-prezentadon, kiu ankaŭ morale kaj ankaŭ materiale kontentige sukcesis. La unuan oficialan kurson la grupo nun gvidas Ĝin partoprenas dudekkelkaj gejunuloj, inter ili ankaŭ skoltoj. La kurso baldaŭ finiĝos kaj dum la ekzamena festo estos elektata la nova grupestraro.

J. Gs.

LA UNUA ESPERANTO-PREZENTADO DE LA NOVA GRUPO okazis pasintan jaron en la kunvenejo de la Prot. Kalv. Junulara Asocio, kiu bone sukcesis. Krom la esperantistaro de Timiŝoara partoprenis la prezentadon — kiu okazis esperante — kaj hungarlingve ankoraŭ bela nombro de la interesiĝantoj. Agrable efikis la versa prologo de malgrandeta lupideto Paŭlo *Andrêka*; li deklamis hungaran kaj esperantan versojn, modele akcentante kaj prononcante la esperantan tekston. Multe beligis la tutan vesperon kaj multe kontribuis al la arta nivelo de la prezentado la kantsoloj kaj kantduetoj de F-inoj Elisabeto *Dìvèky*, Vilhelmino *Kutty* kaj de S-ro Andreo *Molnar*, ĉiuj tri membroj de la prot. — Kalv Junulara Asocio Bonhumoron kreis la artifikaĵoj de S-ro Stefano *Recsányi*, kiu prezentis kelkajn interesajn sorĉaĵojn, magiaĵojn kaj manlertaĵojn. Bone sukcesis la hungar — kaj esperantlingva skolttema propaganda teatraĵeto; La vojo de l'kompreno, kiun verkis la hungarlanda ĉefagento de Sel, kaj kiun prezentis la membroj de la Reformata Skolta Trupo. Ankaŭ ne mankis la tielnomataj pli seriozaj programeroj: S-ro Stefano Recsanyi tenis paroladon pri Esperanto por la hungarlingva publiko; s-ro Julio *Csapô* parolis pri la finna literaturo kaj poezio, kaj prezentis la Kongresan Runon de K. de Kalocsay; en alia programero kun enkondukaĵo li prezentis aliajn poemojn de Kalocsay kaj de Baghy. La programon finis humora poemo deklamprezentita de Ervineo *Alsehek* kaj kelkaj Szabolcska-anegdotoj. La harmonium-akompanadon prizorgis S-ro Aleksandro *Csapó*, ankaŭ membro de la Esperanto-Grupo. La aranĝadlaborojn faris la Reformata Skolta trupo Trupo, kaj menciinda estas, ke ĝi bone kunhelpis sukcesigi la vesperon, kantante esperante la hungaran skoltmarŝon kaj fervore farante la teknikajn laboroń de la vespero. Certe la reformataj skoltoj tiuvespere gaje povis defari la nodojn sur siaj kravatoj, ĉar ili certe plenumis »bonan laboron«.

Jen — la — Bat,.

Nova Esperanto Rondo.

Ĉe la la stata klasika Gimnazio en Bydgoszcz, Polando fondiĝis nova junularo-grupo kun pli ol 30 membroj. Kun granda ĝojo ni notas novan sokceson de Esperanto en ĉi-tiu urbo kaj ni gratulas al ĝi plej sukcesplenan laboron. (Imitu aliaj urboj.)

---

*Brunnswik* (Svedujo). En la fama altpopollernejo Brunnsvik la lernantaj de la ĉijara kurso havas sufiĉe grandan intereson por Esperanto malgraŭ abunda kursplano kaj la multa okupo por la pristudo deĝi, geknaboj tamen dediĉas tempon por la internacialingva afero.

*Tallinn* (Estonio). La anoj de la Esp. fako ĉe Tallinna junsocialista Unuiĝo partoprenis ekskurson al junsocialista Kongreso en Helsinki.

*Agneberg* (Svedujo.) Inter la membroj de socialista gejunulara asocio komensiĝis esperanto-studrondo kun 19 partoprenantoj. Gvidanto estas s-ro Folke Bergqvest el Lärje.

*Axevalla* (Svedujo). En popolalt-lernejo s-ro H. Frisk gvidas esperanto-kurson. Proksimume 30 gejunuloj partoprenas.

*Minas Gerais - B. Horizonte* (Brazilo). Post iom da ripozo revenis al la laboro por Esperanto »Junulara Esperantista Societo». Oni kunvenas ĉe la sidejo de la lernejetsra Direktoraro de la studentoj. Prezidas s-ro Geraldo Padua.

Kraków (Pollando), Lasttempe la junulara esp. movado multe pliviĝis Oni gvidas kursojn en diversaj organizacioj ĉe fervojistoj, skoltoj kaj laste la socialista organizacio T. U. R, malfermis multnombran kurson kiun gvidos S-ro Osiek.

Pri sigifo de Esperanto por proletaro prelegis s-ro Swaryczewski.

En plej proksima tagoj Eldonejo de »Juna Esperantisto« malfermos esp. kurson por la krakova publiko.

*Plock* (Pollando). En la lasta tempo mariavita junularo organizis asocion »Templazyusze» — Templanoj — kiuj intencas kunlabori kun ĉiuj gejunuloj. Asocio kalkulas kelkdek personoj.

*Lublin* (Pollando). Dank al la direktoro de lublina gimnazio kaj dank al s-ro Kukulski, kaj prof. s-ro Zabłocki ĝia kuratoro, esperanto-movado multe pliviĝiĝis. Oni gvidas esp. kursojn. Multe laboras en la grupo s-ano M. Klimowicz ĝia gvidanto.

*St. Gallen* (Svisujo). La tre vigla Esperanto junulara-grupo »Verda Stelo» okazigis specialan amuzan varbfeston por lernantoj dum vintro. Ni gratulas!

*Kiev.* (SSSR.) La pedagogia Katedro ĉe la Kieva Instituto por la popola instruado estas decidinta komenci sciencajn provojn koncerne de eduka valoro de la lingvo Esperanto.

*Zagreb.* (Jugoslavio) La studenta esperantista societo en Zagreb estas ricevinta 500 dinarojn, subsidion, de la Komerca Ĉambro.

*Prago.* (Ĉehoslovakujo. La ministerio de la Instruado per oficiala ordono oficigis s-ron A. Pitlik kiel Ŝtatan ekzamenan komisarion pri Esperanto en Ĉeĥoslovakujo lernejoj.

*Brescia.* (Italujo). En la nova programo de Faŝista Kultura Instituto estas enlokita laŭ punkto 9, la lerno de la lingvo Esperanto en la Instituto.

# „PACO"
## Pacifista Parto.

# MANIFESTO!
## En la nomo de la
# MONDA PACO

Pasas 14 jaroj de la batalhalto post la sanga mondmilito — kaj nenia nacio, kiu partoprenis la militon, scipovis ĝis hodiaŭa tago rebonigi la detruitan vivon, kio kaŭzas rezulte, ke la Homaro preskaŭ sur la tuta terglobo vivas sur la vulkano, en la ĉiama vegetado mastruma kaj en la konstanta antaŭtimo pri la novaj krimaj venĝoj militaj.

Ni devas memori, ke;

10 milionoj 642 miloj da mortigitoj,

22 milionoj da vunditoj,

12 miloj da blindaj kaj maro da sango

— jen ofica bilanco statistika de la lasta Mondmilito. Kaj kiu scipovos prikalkuli tiujn, kiuj pereis ne pro kugloj, bajonetoj granatoj kaj venenaj gasoj, — sed pro la malsanoj, pro mizero kaj malsato, kiuj akompanis daŭrantan militon? Kiu prikalkulos suferojn kaj doloron de patrinoj kaj georfoj, kies parenculoj pereis sur la militkampoj en la plej teruraj turturoj?

Haltiĝo, kiu ekestis en la internacia mastrumado post tiu-ĉi terura ĝenerala detruo, estas kaŭzo, ke malgraŭ 14 jaroj daŭranta paco — pli ol 25 milionoj da senlaboruloj pereas pro malsato kaj mizero —ĉiam atendante pliponigon de la vivkodiĉoj.

Estas la plej alta tempo — ke la socioj de ĉiuj landoj komprenu ke,

248 miliardojn 421 milionojn da dolaroj englutis la kostoj de la lasta Mondmilito, per kiu sumo oni povus (ĉe la nuna stato de la tekniko) doni bonfarton al la vastaj homamasoj anstataŭigante hodiaŭan mizeron.

Ni tamen ne permesos, ke la sovaĝa malamo de la ŝovinismo konduku nin al la nova milita buĉado.

Nuntempaj eltrovoj kaj militiloj ne konas barojn kaj ili kaŭzus neantaŭvidatajn kaj terurajn vivoferojn kaj perdon de homa havaĵo, — detruante Civilizacion de la Mondo. Estas tute kompreneble, ke ĉi-tie ne helpos konferencoj de la diplomatoj penantaj forigi politikajn miskomprenojn — se la socioj mem ne ekstaros sub unu standardo por la plej sublima ideo — ideo de la ĝenerala paco — kaj en la reĉiproka unuiĝo ekokupos la postenon kontraŭ fratmurdaj sangoverŝoj kaj ĝenerala detruo de la vivo per la milito.

Ĝuste tiu-cele kun la kreskanta pacifismo fondiĝis.

Ligo de Monda Paco, kiel institucio internacia kaj ĝenerala-homa, celanta disvastigi la Ideon de la Paco en ĉiuj socioj, sendepende de la diferencoj naciaj, religiaj kaj politikaj.

Ligo de la Monda Paco celas plibonigon de la kondiĉoj ekonomiaj-mastrumaj per la forigo de la baroj doganaj por la libera evoluo de la internacia industrio, komerco kaj la libera interŝanĝado de bienoj, — kaj per tio-ĉi mem agas al la batalo kontraŭ la monda senlaboreco.

Ligo de la Monda Paco kunlaboras en la edukado de la junularo, per tio-ĉi de la estontaj generacioj, en la kulto de la plena unueco, frateco kaj amo de la proksimulo, por la reciproka kaj plena paco en la homaro.

Ligo de la Monda Paco — estas frunto de la milito kontraŭ milito.

Ankoraŭ hodiaŭ ekstaru en niaj vicoj kun la alvoko; — Ĉion por la paco en la nacioj!

Venu la tago, depost kiu la tuta mondo ekestu unu libera kunigita patrujo, kaj per tio-ĉi mem lulilo de la frateco kaj amo inter ĉiuj Nacioj!

Tiu-cele devas ĉiu socio, urbo, vilaĝo kaj ĉiu grupo de la homoj dezirantaj firman pacon fondi Ligon de la Monda Paco — kiel ĉenoj de la unueco.

Ĉiu devas esti konstruanto de la Monda Paco!

Do; En la nomo de la kompreno civilizacio kaj progreso,

Por la sendanĝereco kaj defendo de la homaj rajtoj;

— Defendu fidele pacajn kondiĉojn!

— Iru sub standardojn de la Ligo de la Monda aco!

Por la reciproka frateco kaj paco en la Homaro!

Ligo de la Monda Paco – Jen ĉeno por unuiĝo de ĉiuj nacioj, kie neniu povas manki!

Fondu Ligon de la Monda Paco en ĉiuj landoj! — estu anoj!

**Ligo de la Monda Paco, Centra Oficejo**
Kraków, pl. Matejki 4 (Polujo).

**Konflikto inter Paragvajo kaj Bolivio.**

[I. T. F.] La Argentina Fervojista Sindikato decidis rifuzi la transporton al la militoj, bezonataj por la konflikto inter Paragvajo kaj Bolivio kal alvokis ĉiujn fervojistojn de Suda Ameriko, fari la samon.

**Kvakerismo kaj paco.**

Mi havas senpagajn specimenajn ekzemplerojn de literaturo [Esperanta kaj Angla] pri kvakerismo kaj paco por disdoni.

Bonvolu peti per ilustrita poŝtkarto aŭ letero. Ankaŭ mi sentus plaĉon ricevi nomojn-adresojn de eventualaj korespondantoj el plej malproksimaj mondpartoj.

Adreso: Dr. Fred. J. Williams, Samai. Papua Aŭstralio.

Afd. Bussum [Svedujo. La grupo por »Esperanto al mondpaco« aranĝis ekspozicion sub propraj aŭspicioj.

# Skolta Esp. Movado

## JAPANUJO-ĤINUJO AMIKIĜU-PER LA SKOLTOJ.

Situacio je malproksima oriento ĝis nun ankoraŭ ne plene estas klarigita, kaj sur tereno de nova »sendependa» Manĝuri aŝtato la japanaj militistoj batalas regul-milite kun ĉinaj ribelantoj. Super ĉio aldone en ĉi-tiu malfeliĉa lando regas naturaj katastrofoj jen superakveco de la terenoj kaj diversaj malsanoj (tifuso), kiuj malte plimalmultiĝas lokan loĝantaron.



Manĝurio: Ripozmomento kun pipeto post ĉiutaga laboro.

En la sanga dramo de la malproksima oriento eksonis ankaŭ skolta voĉo. Ankoraŭ malgranda, sed ni esperu, ke sincera, ĉar tiam ĝi estas serioza promeso por pli bela estonto:

»La Syonendan-Kenkyu» japana skolta revuo-kiun oni devas legi de m-lantaŭ antaŭen kaj de supre malsupren, kondiĉe ke oni scias la japanan lingvon. Ni certe ne komprenas ĝin sed ĝi enhavas tekstojn ankaŭ en angla ligvo. Inter ili estis publika letero de la japanaj skoltoj al du skoltaj trupoj en — Shanghai. Ili bedaŭras, ke estas batalo nter la du nacioj kaj tial ili ne povas plenumi la pli frue promesitan taskon: printempe labori kune por amikigi la du naciojn. Sed ilia devo estas pluen labori por la plia proksimiĝo, ke estonte oni evitu tiajn okazintaĵojn.

Esperante, ke la amika rilato inter la du fratnacioj baldaŭ restariĝos, la japanaj skoltoj salutas ĉiujn ĉinajn skoltojn.

Jen ideala skolta pensado! Kio mankas? — Ke simile komprenu unu la alian la skoltoj de ĉiuj nacioj. Sed tio ne estos ebla-kaj tion ni speciale diras al malproksima Syonendan-Kenkyu — la angla lingvo, por tio necesas nia Esperanto!

Skoltfratoj, skribu al la japana skolta gazeto, petu, ke ĝi ankaŭ esperante aperigu la tekstojn por alilandaj fratoj kaj petu de ĝi adresojn de japanaj skoltoj por korespondi Esperante.

(Adreso: Syonendan Nippon Renmei, Monbusyô Building, Tokio.)

---

### OFICIALA ESPERANTO RENKONTEJO ĈE MOND-SKOLT-TENDARO.

La tendarestro de la skolta mondĵamboreo, eksministro grafo Paŭlo Teleki, aprobis oficiale esperanto-renkontejon ĉe la mondkunveno de la skoltaro, akazonta 4-16 aŭgusto apud Budapest kaj komisiis la 199-an hungaran trupon por tiu laboro. Kompreneble necesas, ke vere venu alilandaj skoltoj, kiuj scias Esperanton. Tio dependas de la esperanto-societoj kaj grupoj, ĉu ili aranĝos sukcesajn kursojn.

---

### AL ĈIUJ S. E. L. AGENTOJ!

Via devo estas zorgi, ke ankaŭ via priskribo de skolta esp-movado en vialando troviĝu en la aperonta »Libro pri esp. skolta movado» prilaborata de s-ro Emil Mayer (S. E. L. agento) por Pollando Kraków, Lelewela 9 .m 2. Postulu detalojn. Sendu tuj Vian materialon!

---



Manĝurio: En la varmeta manĝuria klimato estas kulturitaj egalrajte la ĉiuspecaj grenoj, same kiel diversaj vinberoj kaj fruktoj. Krom tio oni trovas tie grandegaj mineral-negocoj.

## SKOLTA KRONIKA.

*Australio*: S-ro Matt Lew Duncan el Perth, vigle propagandas Esperanton en loka skoltaro. Gratulon!

*Brazilo*: S-ro Guilherme Azambuja Neves, prezidanto de la Federacio de Brazilaj skoltoj propagandas Esperanton. Li parolis per *radio* pri »Skoltismo kaj Esperanto» kion du grandaj ĵunaloj represis.

»O Jonal» aperigis artikolon de sro. Pedro Cardoso, prezidanto de C. M. E., pri Esperanto, kiel helplingvo de skoltismo.

La 5.-an de Marto dum »Skolta Nokto» deklamis kaj kantis en Esperanto du f-inoj.

La prezidanto de la Federacio de Skoltoj de Brazilo, sro. Azambuja N e v e s, 2-a sekretario de Brazilo Esp. Ligo, parolis per Radio Club de Brasil» pri »Skoltismo kaj Esperanto».

La paroladon publikigis la ĵurnaloj de Rio de Janeiro. Li promesis fari propagandon por la ĵamboreo okazonta en 1933, ke la skoltoj lernu Esperanton. (Imitu en via lando!).

*Bratislava*: La estraro de la skoltdistrikto Bratislava favoras Esperanton. Per dekreto Ĉ. j. 92/1931. de 30 XI 1931. oni nomis fraton Kolomano Kiss »distrikta instruktoro» de Esperanto.

Nomita gvidas kurson por 17 anoj de la hungara skoltina trupo »Kiskàrpàtok», kies estrino estas tre favora Kursoj por aliaj trupoj en preparo.

»Skaŭt» la oficiala organo de la slovakaj katolikaj skoltoj aperigas en ĉiu n-o en-kaj priesperantajn artikolojn de sia redaktoro tech. stud. Alojz Macek.

*Holice u Olomonce*. Frato B. G. Podebrad ellaboris por organizi la S. E. L. sekcion en Ĉehoslovakujo.

*Košice* La organo de la slovaka skoltaro »Bud, Pripraveny aperigas priesperantaĵojn, de sia redaktoro s-ano Iariza.

*Nove Zämky*. La hungarlingva junulara kaj skolta gazeto »Tàbortüz» huhavas ofte artikolojn pri Esperanto kaj skolta vivo.

*Praha* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista elektis s-anon Csàder kunlaboranto por skolta afero.

*Germanujo*: El Radiostacio-Breslau: F-ino Koschate kaj el Radiostacio-Stuttgart: sro. Vogt parolis dum esperanta prezentado pri la skolta ĵamboreo en 1933 kaj pri uzo de Esperanto inter skoltoj! Koregan dankon al Ili.

*Hungarujo*. (Budapest) la 6-an de marto skoltoj esperantistaj sub ia flago de la skolta esperanto rondo partoprenis skoltfeston en la Nacia Gimnastika Halo antaŭ kelkcenta publiko. Ĉe sceno prezentante internacian tendarfajron, ili almarŝis kantante, sub la verdstela flago kaj post salutoj kantis esperante hungarajn kantojn. Andreo S z i k s z a y kantis ankaŭ sole kun granda sukceso. Multaj ĉeestantaj instruistoj kaj gepatroj tiamaniere ekkonis Esperanton kaj ĝian signifon por skoltoj.

*Budapest*. En gimnazio estis koresponda ekspozicio, kie trionon okupis esperanto-korespondado de skoltoj. Ĵurnaloj raportis.

*Csongràd*. Ĉe publika skolta festo unu numero estis: Esperanto kantado de esperantistaj skoltoj. Ĝi estas i m i t i n d a e k z e m p l o popularigi esperanton antaŭ la publiko.

*Köszeg*. Fondiĝis esp. sk. rondo.

*Makó*. Fondiĝis esp. sk. rondo.

*Moson*. Fondiĝis Stolta .E Rondo. Delegito L. B e r g l komencis la unuan kurson en tiu ĉi urbo kun 20 partoprenantoj.

*Szeged*. La episkopo vizitis la korespondan ekspozicion en skolta hejmo, kies pli granda parto estis esperanto korespondado el 52 Ŝtatoj. Gazetoj raportis:

*Jugoslavio*: En Brod S/S propagandas Ĝorĝe-Moŝkijeviĉ sekretario de la loka skolta trupo.

*Norvegujo*: Kurson por 20 skoltoj komencis s-ro Arne Arnessen kaj por 50 skoltoj sro. dro. O. Fischer. La ĉefskolto norvega promesis subtenon de Esp. Dro O. Fischer jam antaŭ 500 skoltoj parolis pri Esp En skolta gazeto aperis artikolo de C. Lea, SEL. agento

*Bydgoszcz*. En la 5-a skoltrupo sub la nomo »Zawisza«. oni fondis grupon da skoltoj esperantistoj konsistantan el 10 anoj. Ĉe la gimnazio estas fondota »Rondo Esperantista«.

*Lwów*. Skolta revuo »Skaut«-aperigas ĉiumonate »Esperantan Angulon« kaj en ĝi pritaktas aferojn de la skolta esp. movado en la mondo ktp. Progreso de ĉi tiu fakto oni devas danki al la redaktoroj de ĉi tiu revuo.

*Rumanujo*. Cluj. »Ió Baràt« hungarlingva revuo por skoltoj kaj junuloj aperigas Esperanto-kurson en 6 partoj. Oni aranĝis konkurson por la kursanoj, kiun partoprenis 11 gejunuloj.

## HUMORO.

— Ĉu Viaj infanoj jam interkonatiĝis kun infanoj de la najbaro. — Jes, mia plej-aĝa infano jam havas truon en la kapo.

— Je la bankedo de konata ĵurnalisto ĉiuj finis sian gratulon kun la vortoj: :Vivu la ĵurnalisto. La ĵurnalisto: De kie preni por vivi.

## KORESPONDADO:

(Anoncetoj, pri korespondado kostas 0.50 fr-sv. (1 zł.) ĝis 20 vortoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi unufojan anoncon senpage.)

*Ĉeĥoslovakujo*: Korel Tauchman, Semily Ĉ. 91 iŝ p. i. fj. bfl.

*Hispanujo*: S-ro Jozefo Gispert i St. Planeta 16 pul, Barcelona,

*Hungarujo*: Kelkaj skoltoj deziras koresp. Adreso: Zsàmberger Michàly Nagykörös, 1, ker Horti-Miklos ust. 4.

*Japanujo*: S-ro Masao Kato, Macumoto Ĉo 51. Kanazaùna, per let. kaj il. poŝt. pri diversaj temoj.

S-ro Kitanihon-hioronŝa, Enamimaĉi, T o j a m a-K e n, J a p a n u j o.

Pollando Skolto Kazimierz Sand, (studento) 20-jara, Stryj, Czarnieckiego 21. pri ĉio kaj kun ĉiuj. Unauvice kun bela kaj simpatia eksterlandanino,

Redaktor odpowiedzialny i wydawca: Emil Mayer. Drukarnia »REKORD», Kraków, Lenartowicza 6.